4^me Annee, N° 10. | 4a Jaro, 10a Numero. Junio 1906 (N° 46) | 4e Jaar, Nr 10.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA LA 15an DE ĈIU MONATO.




JOURNAL ESPERANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

DIREKTORO: Dro M. SEYNAEVE, 51, RUE DU PALAIS, VERVIERS.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO: J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

## RIMARKO

Laŭ sciigo trovebla sur la unua paĝo de jena n°, oni bonvolu, ĝis nova ordono, ĉion sendi al la
REDAKTORO-ADMINISTRANTO en DUFFEL.

### Prix des Abonnements :

| | | |
|---|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) | | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue | au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) | au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro | | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années | chacune | 5,00 fr. |
| | pour l'étranger | 6,00 fr. |

### Inschrijvingsprijs :

| | | |
|---|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) | | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond | ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) | ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer | | 0,40 fr. |
| De drie vorige jaren | ieder | 5,00 fr. |
| | Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu n° : 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1r Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.
IMPRIMEUR-ÉDITEUR — BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER — BRUGGE, NIEUWE WANDELING 4.

## *Amuzaĵoj por infanoj.*

# OMBRO-BILDOJ.

La jenaj bildoj estas eltiraĵoj el la flandra ilustrata gazeto « **DE LUSTHOF** », aperanta ĉiumonate, kaj kostanta fr. 1,60 jare en Belgujo.

Oni abonas ĝin ĉe la eldonisto :

**Sº A. WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.**



Birdo.



Cigno.



Kapro.



Ĉamo.



Kuniklo.

**ESPÉRANTISTES !**

**Détachez cette feuille intérieure de la couverture et utilisez-la pour la propagande !**

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

### EEREKOMITEIT

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le Dr M. SEYNAEVE, 51, rue du Palais, Verviers.
*Secrétaire Administratif* (Bestuurlijke Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.
*Membres* (Leden) Mlle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, Ed. MATHIEU, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Dr R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Bestuurlijken Schrijver :

**Mr J. COOX, DUFFEL.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

ART. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

## Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel «**Belgische Esperantische Bond**» (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# LES 16 RÈGLES

## DE LA GRAMMAIRE ESPERANTO.

*Alphabet.* A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (è), F, G (gue), Ĝ (dj), H (aspiré), Ĥ (ch flamand et allemand; pour les Wallons, le h de *bihe, bâhe),* I, J(y yeux), Ĵ(j), K, L, M, N, O, P, R, S (ç), Ŝ (ch), T, U (ou), Ŭ (w pour les Flamands et les Wallons), V, Z.

Sauf les exceptions signalées entre parenthèses, toutes les lettres se prononcent comme en français. Elles gardent partout leur son alphabétique.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable pour tous les genres, nombres et cas. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par O. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — L'Esperanto a deux cas : le nominatif et l'accusatif; ce dernier est marqué par l'adjonction de *n*, tant au singulier qu'au pluriel : *la patro* = le père, *la patroj* = les pères, nominatif; *la patron* = le père, *la patrojn* = les pères, accusatif.

*Règle 3.* L'adjectif se termine par A et suit les règles du substantif : *patra* = paternel, *patraj* = paternels.

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. Les numéraux ordinaux se forment en ajoutant *a* aux cardinaux; ils deviennent ainsi de véritables adjectifs et en suivent toutes les règles : *la tria* = le troisième; *la triaj* = les troisièmes. Les multiplicatifs prennent le suffixe *obl*: *la duoblo* = le double; *la dekoblo* = le décuple. Les fractionnaires avec *on*: *la triono* = le tiers. Les collectifs avec *op*: *duope* = à deux.

*Règle 5.* Les pronoms pers. sont: *mi* (je, moi), *vi* (vous,tu,toi), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il, elle, neutre), *si* (soi), *ni* (nous) *ili* (ils, elles), Par l'adjonction de A, ils deviennent adjectifs ou pronoms poss. : *mia* (mon), *miaj* (miens), *mian* (mien, accusatif). Les pronoms se déclinent comme les subst. : *min* = moi, me (accusatif).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i*: *fari* = faire; présent *as*: *mi faras* = je fais; passé *is*: *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait; futur *os*: *ili faros* = ils feront; conditionnel *us*: *ŝi farus* = elle ferait; impératif *u*: *faru* = fais, faites; *ni faru* = faisons; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent: *ant*: *faranta* = faisant; passé *int*: *farinta*=ayant fait; futur *ont*: *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at*: *farata* = étant fait; passé *it*: *farita* = ayant été fait; futur *ot*: *farota* — devant être fait, que l'on fera.

L'Esperanto n'a qu'un seul verbe auxiliaire : *esti* = être.

Le verbe ne change ni pour les personnes ni pour les nombres; en le combinant avec les participes passifs, on forme la voix passive : *Mi estas amata* = je suis aimé.

*Règle 7.* L'adverbe dérivé est caractérisé par la terminaison *e*: *patre* = paternellement.

*Règle 8.* Toutes les prépositions veulent par elles-mêmes le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce tel qu'il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant-dernière syllabe : fo*i*ro, patr*u*jo.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* Si la phrase contient déjà un mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime; *mi vidas neniun* = je « ne » vois personne.

*Règle 13.* On met à l'accusatif le complément direct ainsi que le mot qui marque le lieu vers lequel on se dirige : *mi estas tie* = j'y suis; *mi iras tien* = j'y vais.

*Règle 14.* Chaque préposition a un sens immuable. Lorsque le choix de la préposition ne s'impose pas clairement, on emploie la préposition *je* qui n'a pas de signification propre. On peut aussi employer l'accusatif et supprimer la préposition, à condition qu'aucune amphibologie ne soit à craindre.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* La terminaison de l'article peut se supprimer et se remplacer par une apostrophe, après une préposition se terminant par une voyelle: *la pordo de l' domo*: la porte de la maison. Elle se supprime beaucoup plus rarement, de même que pour le substantif, dans certains cas notamment comme licence poétique: *Ho! mia kor' !* = Oh! mon cœur!

# DE 16 REGELS

## DER SPRAAKLEER VAN HET ESPERANTO

*Alphabet.* A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (halflang), F, G (z. a. in het Nederlandsch), Ĝ (dj), H (geadspireerd), Ĥ (ch), I, J (z. a. in het Nederlandsch), Ĵ (z. a. in het Fransch), K, L, M, N, O, P, R, S, Ŝ (z. a. de Fransche ch), T, U (oe z. a. in het Duitsch) Ŭ (z. a. de Vlaamsche w) V, Z.

Behoudens de uitzonderingen tusschen haakjes aangeduid, worden al de letters uitgesproken als in het Nederlandsch. Zij bewaren altijd hunne alphabetischen klank.

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts één bepalend lidwoord, nl. *la*, dat voor al de geslachten, getallen en naamvallen onveranderd blijft. Het niet bepalend lidwoord bestaat niet.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op O. Het meerv.wordt gevormd door bijvoeging van *j*. — Het Esperanto heeft twee naamvallen: den nominatief en den accusatief; deze laatste wordt gekenmerkt door bijvoeging van *n*, zoowel in het enkelv. als in het meerv. : *la patro* = de vader, *la patroj* = de vaders, nom.; *la patron* = den vader, *la patrojn* = de vaders, acc.

*Regel 3.* Het bijv.w. (adjectief) gaat uit op A en volgt de regels van het naamw.: *patra* = vaderlijk; *patraj* = vaderlijk(e).

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. De rangschikkende telw. worden gevormd met *a* bij de grondgetallen te voegen; zij worden aldus echte bijvoeglijke woorden en volgen er al de regels van : *la tria* = de derde; *la triaj* =de derde, meervoud. De vermenigvuldigingstelwoorden nemen het achtervoegsel *obl*: *la duoblo* = het dubbel; *la dekoblo* = het tienvoud. De breuken nemen *on*: *la triono* =het derde; de verzamelende telw. nemen *op*: *duope*, getweeën.

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn *mi* (ik, mij), *vi* (gij, u), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het, hem), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *ili* (zij, hen, hun). Door de bijvoeging van *a* worden zij bijvoegelijke bezittelijke woorden of voornaamwoorden *mia* (mijn), *miaj* (mijne, mv.) *mian* (mijnen, acc).

*Regel 6.* De uitgangen der werkw. zijn ten getale van 12: Noemvorm *i*: *fari* = doen; tegenw. tijd *as*: *mi faras* = ik doe; verl. tijd *is*: *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan; toek. tijd *os*: *ili faros* = zij zullen doen; voorwaardelijke wijze *us*: *ŝi farus* = zij zou doen; gebiedende wijze *u*: *faru* = doe, doet; *ni faru* = laat ons doen; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord. Tegenw. tijd *ant*: *faranta*=doende; verl. tijd *int*: *farinta* = gedaan hebbende; toek. tijd *ont*: *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord. Tegenw. tijd *at*: *farata* = gedaan (wordend); verl. tijd *it*: *farita* = gedaan (zijnde); toek. tijd *ot*: *farota* = zullende gedaan worden.

Het Esperanto heeft slechts één hulpwerkw.: *esti* = zijn. Het werkw. verandert noch voor personen, noch voor getallen; als men het met de lijdende deelw. vereenigt vormt men den lijdenden vorm: *Mi estas amata* = ik word bemind.

*Regel 7.* Het afgeleid bijwoord, wordt gekenmerkt door den uitgang *e*: *patre* = op vaderlijke wijze.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen den nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep: fo*i*ro, patr*u*jo.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging der elementen waaruit zij bestaan. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Wanneer in den zin reeds een woord voorkomt met ontkennende beteekenis, valt het bijwoord *ne* weg: *mi vidas neniun* = ik zie niemand.

*Regel 13.* In den accusatief staat het voorwerp, alsook het woord, dat de plaats aanduidt waarheen men zich richt: *mi estas tie* = ik ben er; *mi iras tien* = ik ga er heen.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis. Indien de keuze van het voorzetsel niet duidelijk bepaald is bezigt men het voorzetsel *je* dat geene vaste beteekenis heeft. Men kan den accusatief bezigen en het voorzetsel weglaten, indien zulks geen dubbelzinnigheid te weeg brengt.

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto; zij volgen er slechts de schrijfwijze van.

*Regel 16.* De uitgang van het bepalend lidwoord kan weggelaten en door een afkappingsteeken vervangen worden na een voorzetsel dat op eenen klinker eindigt: *la pordo de l' domo*: de deur van het huis. Hij wordt in zekere gevallen, maar zeer zeldener, weggelaten, zoo ook bij het naamwoord, namelijk als dichterlijke vrijheid : *Ho! mia kor' !* = O, mijn hart!

4me Annee, N° 10. | 4a Jaro, 10a Numero. Junio 1906 (N° 46) | 4e Jaar, Nr 10.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA LA 15an DE ĈIU MONATO.

JOURNAL ESPERANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

**Estreco de « La Belga Sonorilo ».**

ĜIS KIAM So SEYNAEVE HAVOS TEMPON POR REE OKUPI SIN PRI NIA GAZETO, ONI BONVOLU ĈION AJN — MANUSKRIPTOJN, SCIIGOJN, NOVAJN VERKOJN — SENDI REKTE AL :

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

LA NUNA ADRESO DE So SEYNAEVE ESTAS : 51, RUE DU PALAIS, VERVIERS.

# PRAKTIKEMO.

Praktikemo estas eco kiu mankas ĉe multaj personoj, eĉ progresemaj, kaj tion ni per multaj faktoj konstatas ĉiutage ĉe niaj esperantistaj amikoj.

Ĉe l' komenco de nia 4a jaro, ni petis ke niaj legantoj bonvolu sendi mem sian abonpagon Multaj tion ne faris kaj devigis nin perdi multe da tempo por dissendi poŝtajn kvitancojn, ĉe l' momento kiam ni bezonis ĉion ordigi por la nova redaktejo de nia gazeto kaj por la administracio de nia Ligo. Eĉ kelkaj amikoj ne pagis ĉe la unua sendo ; ni bezonis resendi niajn kvitancojn duafoje = perdo da tempo kaj da mono.

Celante komplezi niajn legantojn, ni kelkafoje anoncas ke ni akceptos mendojn por ilin transdoni senprofite al vendistoj. Tio ĉi okazis pri « **Albumo de konataj Esperantistoj** ».

Malgraŭ tiu ĝentila propono, kiun ĉiu povas uzi, kelkaj amikoj ŝajnas ne kompreni la aferon ; iu skribis al ni poŝtkarton : « Ĉar mi sciiĝis ke vi ak- « ceptas mendojn por la albumo, bonvolu sendi « unu al mi ». Pri pago li nenion diris. Alia skribis leteron : « Bonvolu sendi al mi la albumon, **je poŝta repago** ».

Ni humile konfesas ke ni tute ni komprenas la intencon de l' mendintoj ; kiam ni posedas la respondan monon, ni sendigas la libron rekte de l' vendisto al la paginto. Altrudante poŝtan enkasigon, oni devigas nin: 1e venigi la mendaĵon ĉe nin, 2e ĝin transsendi al mendinto, 3e fari poŝtan kvitancon.

Ne aludante la perdon de nia tempo, ni demandas nur kiu pagos la superajn kostojn okazigotajn de duobla sendo kaj de poŝta enkasigo ? Se ni ilin postulas de l' mendinto mem, tiu ĉi eble rifuzos pagi, tial ke la postulata sumo superas la anoncitan prezon, kaj la mendaĵo revenos ĉe nin : perdo da mono. Povas ankaŭ okazi ke ĝi revenos tial ke la ricevonto « *ne estas hejme* » (laŭ stilo ordinare uzata de la Poŝto).

Tion ni nek povas nek volas riski.

Ni esperas ke la amikoj kiuj deziras uzi nin por sia facileco, bonvolos konsideri kaj pripensi la jenan artikolon. Ni konsentas fari servon al ĉiu, sed nur **kondiĉe ke** oni ne malfaciligu senutile nian taskon.

Ni povos plenumi mendojn ajn **nur se oni sendas samtempe la monon.**

**Samideanoj, ni estu praktikemaj !**

J. Coox.

**La Albumo de konataj Esperantistoj** kostas fr. 2,30 ĉe So Schuck, 16, Thomaestrasse, Braunschweig ; fr. **2,40** ĉe la « Belga Sonorilo », en Duffel.

# ĈIRKAŬRIGARDO.

La propagando por Esperanto obeas, en sia antaŭenirado, evolucion notindan.

Al la unuaj pioniroj de l' afero ne estis permesite esperi ke ili estus povintaj naski potencan movon kies vasteco atingos la limojn de l' mondo civilizita. Sed, dank' al la pacienco, obstineco, kaj superhomaj klopodoj de l' elpensinto de Esperanto, la adeptoj varbiĝis iom post iom en diversaj landoj kaj, novaj ministoj, ĉiu el ili atakis la montegon por valorigi la trezoron malbone konatan.

***

Kortuŝite kaj plezure mi memoras ankoraŭ la tempon kiam mi ellernis Esperanton. De tiam dek jaroj jam forflugis, sed kiom da progresoj faritaj!

En Belgujo ĵus eknaskiĝis Esperanto dank' al la iniciativo de Komandanto Lemaire; en Francujo ekzistis rondeto en Louhans, kaj niaj indaj amikoj, la energiaj samideanoj De Beaufront kaj René Lemaire bataladis, nelaceblaj apostoloj, spite ĉiuj malhelpaĵoj amasiĝantaj tra ilia vojo. Estu benataj iliaj unuaj penoj! Espereble, la Esperantistaro neniam forgesos la malavarajn klopodojn de tiuj kuraĝuloj!

***

Kia estis la situacio en la aliaj landoj?

Anglujo, Germanujo, Aŭstrujo, Hispanujo, Ameriko, preskaŭ ĉiuj ceteraj landoj, krom Skandinavujo kaj Rusujo, estis virgaj teroj. Multaj neesperantistoj, kontraŭuloj nespertaj, pretendis ke neniam ni povos sukcese kulturi ilin. Feliĉe, ĉi tiuj malkuraĝigaj antaŭdiroj disvaporiĝis sub la varmaj radioj de l' suno esperantista, kaj nun la montego estas ĉiuflanke atakata de kvazaŭ-armeo da ministoj plenaj je energio kaj espero. Kelkaj el ili falas por ĉiam; sed ilia laboro estis fruktodona, kaj, falante, ili scias ke miloj da kunlaborantoj estas pretaj por repreni ilian pikfosilon.

***

La unua granda elmontro de nia plena vivo okazis en Bulonjo-sur-Maro. Tie, multaj centoj da samideanoj, venintaj el pli ol 20 diversaj landoj, renkontiĝis por atesti entuziasme antaŭ la tuta mondo ke la demando de Lingvo Internacia ne plu estas ĥimero, sed ke, kontraŭe, nova lingvo vivas apud la lingvoj parolataj de l' diversaj nacioj, ke tiu idiomo estas facile akirebla de ĉiuj popoloj kaj lernebla sen helpo ia de profesoro, sen longedaŭra kaj multkosta restado en fremdlando.

Sed, kvankam tiu elmontro estis granda, kaj ĝiaj rezultatoj ŝatindaj, ĝi ne sufiĉis kaj ne povis sufiĉi por faligi la barilojn starigitajn de l' kutimego, antaŭjuĝo aŭ nescio.

Estas necese, diris S° Gaston Moch en Bulonjo, ke ni skuu la mondon per komunaj kaj ripetitaj klopodoj. Ĉiuj kongresanoj komprenis tion kaj oni decidis ke, ĝis la tago de l' venko, oni aranĝos ĉiujarajn kongresojn esperantistajn, kie la pli kaj pli nombraj samideanoj atestos ke iliaj klopodoj estas kronitaj de l' sukceso, ke Esperanto enradikiĝas ĉie, kaj ke ĝia kono baldaŭ fariĝos nepra neceseco por ĉiuj.

***

La organizo de la dua kongreso estis do decidata. Niaj anglaj amikoj opiniis ke la geografia situacio de ilia lando estas grava malhelpo, por l'elekto de ilia patrujo kiel kongresejo proksima. Nia simpatia samideano Borel, el Berlin, je l' nomo de siaj samlandanoj, diris ke la nuna stato de Esperanto en Germanujo ne estas ankoraŭ sufiĉe favora por ke ili akceptu la honoron organizi la Kongreson en 1906.

Unuanime, oni turnis sin al Svisujo, tiu mirinda lando, patrujo de l' naturaj belaĵoj, de l' inteligenteco, kaj precipe de l' libereco kaj gastemo. Svisujo, centro de Eŭropo, ŝajnis, laŭ ĉiuj vidpunktoj, elektebla por la organizo de l' dua kongreso. Niaj tieaj amikoj laboradas energie kaj, sen ia dubo, ili sukcesos plene por krei la grandan movon kiu alproksimigos nin al la difinita celo.

***

En Genevo oni parolos evidente pri la lando kiu akceptos organizi la trian kongreson, tiun de 1907; oni permesu ke mi ekzamenu kie povos okazi la estonta renkontiĝo de l'Esperantistaro.

Estus necese ke tiu kunveno okazu en regno kalkulanta multnombrajn kaj prosperajn centrojn da samideanoj, en granda urbo kosmopolita, komerca se eble, en lando kie oni alveturas facile, rapide, kaj malmultkoste, en centro kies estraro estos favora por nia afero.

Ŝajnas ke ne ankoraŭ ekaperis la momento turni sin al Ameriko, ĉar tie, nur du oficialaj lingvoj regas estre: la angla kaj la hispana.

Eŭropo, kontraŭe, prezentas, entenatajn en malgranda teritorio, multegajn popolojn uzantajn lingvojn tute malsamajn. Mi do opinias ke almenaŭ dum kelkaj jaroj, nia malnova kontinento devos por la bono mem de Esperanto, organizi niajn universalajn kongresojn.

***

Belgujo estas malgranda lando, se oni konsideras nur ĝian supraĵon, sed kiom granda laŭ vidpunkto industria, komerca, artista; sen trograndigo kaj sen malrajta patruja sento, mi prave povas diri ke Belgujo estas lando okupanta altegan vicon en ĉiuj fakoj de l' homa agemo.

Niaj fervojoj treege nombraj ebligas traveturon en ĉiuj direktoj kun neordinara rapideco.

Aliparte, niaj grandaj urboj estas tre proksimaj inter si, kaj ĉiuj prezentas nekompareblajn riĉaĵojn artajn.

Fine, Esperanto disvastiĝis tie ĉi pli ol en multaj aliaj landoj. Nia **Belga Sonorilo**, la plej malnova el la ĵurnaloj esperantistaj (krom **Lingvo Internacia** kaj **L'Espérantiste**), sufiĉe pruvas ke la semo semita de niaj amikoj falis en teron favoran kie ĝi tre bone ĝermis.

Antverpeno, unu el la grandaj havenoj komercaj de l' mondo, estas urbo flandra, vizitata ĉiujare de amaso da fremduloj, kaj riĉa laŭ ĉiuj vidpunktoj. Ĝi posedas esperantistan grupon vivplenan kaj tre ageman; plie mi, kredas ke en la urbestraro ekzistas kelkaj personoj favoraj por nia afero.

Ĉio tio pravigus la elekton.

LUCIEN BLANJEAN.

## El la lando de l' Kongreso. Lucerno.

(de Frans Van Cuyck).

Frans Van Cuyck, profesoro kaj fame konata flandra literaturisto, naskiĝis en Antverpeno en la jaro 1857. Li skribis, en tre korekta kaj pura lingvo, legindajn kaj ŝatatajn novelojn kaj romanojn; lia stilo montras seriozan observon kaj profundan studon de la homa karaktero. Van Cuyck kunlaboris en multnombraj flandraj revuoj, al kiuj li donis inter alie pentrindajn rakontojn pri vojaĝoj. El tiuj ĉi ni prunteprenis la sekvantan priskribon, kiu, okaze de la proksima Kongreso, prezentas ian nunecon.

———

Lucerno estas, rilate al sia sido, ankoraŭ multe super Zuriho. Je tia vidpunkto ĝi estas eĉ unu el la plej ĉarmaj lokoj sur tero. La urbo mem estas tamen tute ne ordinara. La vidaĵo estas eĉ nepre beleta kaj pentrinda, kiam oni venas de la bela nova ponto tra la *Reŭs'o*, de kie oni vidas en la malproksimaĵo naŭ antikvajn kastelturojn. Sur la bordmarŝejo, sub la arboj, oni povas agrablege promenadi. La popolamaso, la movado kiuj estas tie, kune kun la grandegaj hoteloj je la landflanko, memorigas la marbordon en Ostendo aŭ Blankenbergo, krom tio ke ĝi estas nepre pli pentrinda ol ĉe la maro. Starante ĉe l' bordo de l' akvo oni ekvidas ĉie neĝpintojn en la malproksimaĵo, kaj, en la senpera proksimaĵo, dekstre la *Rigi*'on, maldekstre la *Pilat*'on.

Kompreneble, ni supreniris la *Rigi*'on, t. e. ke ni suprenveturis per la dentfervojo, kiel ni alvenis sur la montojn *Drachenfels*, *Niederwald* kaj *Uetli*; sed, tie ĉi la veturtempo estas trioble longa; unu horon kaj dudek minutojn. Tiu ĉi ekskurso mem valoras la penon, eĉ se estus nur pro la ŝanĝantaj sensacioj kiujn oni ricevas. La vojo estas vere kruta, la lokomotivo ekĝemas kaj spiregas ofte fortege kaj antaŭeniras malrapide, sed neniu el la vojaĝantoj deziras pli grandan rapidecon, ĉar multegaj estas la vidindaĵoj. Jen oni veturas tra densaj arbaroj, kaj laŭ longa deklivo, kiu metas antaŭ la okuloj la plej belegajn specimenojn de sovaĝa naturo, jen flanke de kapturniga profundegaĵo. Iom post iom ekaperas la verdblua lago. En la intermezaj stacioj, freŝaj, ruĝvangaj infanoj prezentas fruktojn kaj florojn. Kiam fine oni estas alveninta supren, oni supreniras ankoraŭ kelkajn metrojn malantaŭ la *Rigi Kulm*' hotelo kaj — tie malvolviĝas antaŭ la mirigitaj rigardoj panoramo kiu, eĉ en Svisujo, estas senkompara.

Oni tie estas je 1800 metroj super la marebeno, 1363 super la lago de l' kvar arbarurboj! Lucerno estas kvazaŭ nevidebla vidpunkto, la *Zug*'a lago koketa lazurblua marĉeto, granda kiel mano. Turnu vin malrapide laŭ ĉiuj flankoj: centoj da montpintoj sekvas unu la alian. Sude, la nekalkuleblaj neĝblankaj pintoj de l' Bernaj Alpoj, inter kiuj la *Finsterarhorn*'o, la *Veterhorn*'o, la *Ejger*'o, la *Jungfraŭ*'o kaj aliaj glaciejoj. Imagu nun super tiu nekomparebla vidaĵo la bluan ĉielan kopulon, el kiu la suno fajrorumas tiun belegan pejzaĝon: tiel mi vidis la *Rigi*'on.

esperantigis Amatus.

## Sur la Radhosto.

En orienta parto de Moravlando staras la monto Radhosto, mil cent metrojn alta. Tiu monto havas sian nomon de la dio Radhosto, kiun niaj antaŭloĝantoj sur tiu monto honoris. La idolo havis en la dekstra mano kornon, kiun la servantoj de la dio plenigis per akvo. Se la akvo malaperis el tiu korno en difinita tempo, oni atendis tiam sekan kaj fruktodonan jaron. Kontraŭe, se restis iom da akvo en la korno, tiam oni diris, ke estos malseka kaj nefruktodona jaro. Antaŭ la idolo, ĉiujare, precipe en la tempo de la tagnoktegaleco, okazis solenoj, al kiuj la Slavoj de proksimaĵo kaj malproksimaĵo, viroj kaj virinoj, alvenis. Al la idolo ili donacis oferojn el la doma brutaro, kaj la ĉeestantoj partoprenis gajaĵojn kaj ĝojaĵojn el la ceremonioj por honoro al la dio Radhosto.

Restaĵoj el antikvaj solenoj religiaj estas, eble, la amuzaĵoj kiuj okazas sur la Radhosto en la vespero antaŭ la tago da Sankta Johano Baptisto. Tiam granda nombro da homoj, venantaj eĉ de malproksime, amasiĝas sur la supron de la monto, por rigardi de tie la fajrojn sennombrajn, kiuj en la estonta nokto sur ĉiuj flankoj ekflamiĝos. En pasintaj jarcentoj, oni bruligis tiujn fajrojn, pro superstiĉo, kontraŭ sorĉoj. Kaj el tiuj tempoj la kutimo daŭradas, sed nur por ĝojeco. La vidaĵo de tiuj gajaj fajroj estas, de la supro de la Radhosto, sorĉe bela. Dum sennuba nokto, kiam la vesperaj ruĝaĵoj estas malaperintaj kaj kiam, sur la malluma ĉielo, grandega amaso da steloj estas aperinta, tiam kuniĝas la fajroj kun la steloj, la tero kun la ĉielo, kvazaŭ ili nur unu estus.

Oni opinias ke en tiu antikva kutimo, en tiuj lignaroj brulantaj sur ĉiuj montoj kaj montetoj dum la bela nokto Sanktjohana, estis interigata la idola dioservo de niaj slavaj antaŭuloj. El tiuj ĉi, tiun kutimon heredis iliaj idoj kristanaj, kiuj daŭrigis ĝin ĝis nuntempe, kvankam ĝia originala signifo jam de longe malaperis.

La rigardantoj sur la Radhosto restas apud fajro dum la tuta nokto, kiu tie estas tiel mallonga, ke nur post la dudektria horo la lastaj radioj de la suno malaperas kaj baldaŭ, post noktomezo, jam ree la unuaj signoj de la taga lumo ekaperas. Je la dua horo jam, ĉielruĝaĵoj matenaj ruĝigas la ĉielon. Kiam la supron de la Radhosto ĉirkaŭas la orkoloraj radioj de la suno, malsupre, sur la tero, kuŝas ankoraŭ malluma nebulo kaj la tuta tero dormas en dolĉa dormo.

Gloregon de la eliranta suno, kiel ĝi estas videbla sur la Radhosto, povas konigi nek plumo, nek peniko: ĝin devas la homo mem vidi.

El la supro de la Radhosto oni ĝuas pejzaĝon grandegan, kun multaj urboj kaj vilaĝoj, flavaj kampoj, verdaj herbejoj per arboj borderitaj, estintaj fortikaĵoj, kiuj staras malgaje, kiel postsignoj de malaperinta gloro kaj potenco homa.

*El letero de* So Jan Myslivy,
(Podoli, Moravlando)
F. V.



# Eĥoj kaj Novaĵoj el Esperantistujo.

## DUA KONGRESO UNIVERSALA en Genevo,

*(de la 28ª de Aŭgusto ĝis la 6ª de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

---

### Dua cirkulero de la Loka Organiza Komitato.

PROGRAMO : 28, 29, 31 Aŭg.-1 Sept. en Genevo: ceremonioj kaj kunvenoj de la kongreso ; 30 Aŭg. : ŝipveturado sur la Leman' lago kaj tagmanĝo en Vevey ; 3, 4, 5 Sept. : vojaĝo tra Svisujo.

ALIĜOJ : *Oficiala kongreskarto* (verda karto : 10 fr.). Ĉiu, kiu aĉetos tiun karton, havos rajton ĉeesti je ĉiuj ajn kunvenoj de la Kongreso, ricevi ĉiujn dokumentojn necesajn por la laborkunvenoj, kaj ankaŭ aĉeti 1, 2, 3 aŭ 4 *familianajn kartojn* (blankaj kartoj : 5 fr.) por anoj de sia familio.

ALVOKO : La Komitato petas ke oni bonvolu mendi, kunsendante la monon, la kartojn kiel eble plej baldaŭ, por ke oni povu kalkuli la nombron de la kongresanoj.

---

LOĜADO : La kongresanoj, kiuj volas esti certaj pri konvena loĝado devas de nun **lui ĉambron** : La Komitato zorgos pri tio kaj havigos loĝejon al la kongresanoj kiuj sciigos la datojn de sia alveno kaj foriro, kaj sendos al ni almenaŭ tri frankojn por ĉiu nokto Specialajn dezirojn oni penos plenumi. — Tiuj kiuj pagos 4 fr. havos kompreneble proporcian ĉambron. Tiuj, kiuj pagos 5, 6 fr. aŭ pli havos proporcian ĉambron en hotelo. — La Grupoj aŭ Lernantaroj kiuj dezirus loĝi en komunaj dormejoj (kompreneble je tre malkara prezo) devas sendi oficialan leteron kun precizaj detaloj al la Loka Komitato, kiu donos al ili ĉiujn necesajn sciigojn.

MANĜADO : Por certigi la kongresanojn pri preciza kosto de manĝoj, la Komitato publikigos nomaron de genevaj restoracioj kiuj promesis doni tagmanĝon (kun trinkaĵo) po 2 frankoj, kaj vespermanĝon (kun trinkaĵo) po 3 frankoj. — Krom tio, la Komitato sciigas ke en Genevo ekzistas grandaj Popolaj Restoracioj, kie oni povus havi simplan, sed bonan manĝon po fr. 0,60.

TEATRA VESPERO, (29 Aŭg.), Ĉiuj grupoj aŭ izolaj Esperantistoj, kiuj intencus ion kanti, deklami aŭ ludi, bonvolu de nun sin enskribigi kaj sendi al ni la tekston de la verkoj, kiujn ili intencus prezenti.

BALO, (31 Aŭg.). La Komitato petas ke multaj Kongresanoj alportu *naciajn kostumojn* por tiu balo.

KONGRESAJ MARKOJ : Oni de nun povas aĉeti, por glui sur leteroj aŭ poŝtkartoj, la oficialan markon de la Kongreso kun arta ilustraĵo. Prezo : 100 markoj fr. 1,50 ; 500 markoj fr. 5.

GAZETOJ : Ĉiuj gazetoj estas petataj sendi duoblan ekzempleron al la Kongresa Oficejo.

ALIĜOJN, MONON, KORESPONDAĴOJN, K.C. UNUVORTE ĈION, KIO KONCERNAS LA KONGRESON, ONI SENDU NUR AL :

KONGRESA OFICEJO
15, quai de l'Ile, Genève (Suisse).

En Genevo, la 16an de Majo 1906.

Je la nomo de la LOKA ORGANIZA KOMITATO

La Ĝenerala Sekretario,
EDMOND PRIVAT.

La Sekretario komisiita al la Gazetaro,
H. HODLER.

---

### Svisa Esperanta Societo.

La 16an de Aprilo (Paska Lundo) okazis sub la prezido de Pastro Schneeberger, Laufon, eksterordinara ĝenerala kunveno de l' Svisa Esperanta Societo en la hotelo « Aarhof » en Olten. Ĉeestis 35 delegitoj kaj gastoj el la urbaj grupoj de Bern, Zürich, Basel, Winterthur, Genève, Neuchâtel, kaj aliaj urboj.

Unuanime la kunvenintoj decidis dividi la diversajn taskojn propagandajn inter la grupoj. Tiel nun okupiĝas :

pri propagando :
- ĉe la estraro kaj oficistaro svisa : la grupo de Bern ;
- ĉe la profesoraro, studentaro kaj presaro : la grupo de Zürich ;
- ĉe komercistaro, hotelistaro k. c. : la grupo de Basel ;
- ĉe la fervojaj kaj poŝtaj oficistoj : la grupo de Solothurn ;
- ĉe la laboristoj kaj iliaj organizoj : la grupo de Winterthur ;
- ĉe la instruistaro kaj infanaro : la grupo de Locle & Brenets ;

pri propagandiloj kaj ilia disdono al la grupoj svisaj : la grupo de Neuchâtel.

Donacon ricevis la « Svisa Esperanta Societo » de la konata maljuna Esperantisto So L. E. Meier, el München, kiu treege ĝojigis la svisan samideanaron per la alsendo de plena traduko de la Schiller'a dramo « *Wilhelm Tell* », verkita en la versmetro de germana originalo. Post tre lerta kaj interesa favora kritiko de So instruisto Lehner, el Basel, kaj praktika financ-projekto de So F. Wenk, la kunveno decidis unuanime, ke la « Svisa Esperanta Societo » presigos la tutan verkon, por prezenti per ĝi honoran dediĉaĵon al la fremdlandaj Esperantistoj venontaj al la Geneva Kongreso. Tre aplaŭde oni aŭdis diversajn deklamaĵojn el « *Wilhelm Tell* » ; ili pruvis ke la germana originalo estas mirinde imitata en la esperanta traduko. La tasko presigi la verkon estas transdonita je la nomo de la Svisa Societo al la grupo de Basel.

## Vojaĝo al Genevo.

Ni rememorigas al niaj amikoj la planon kiun ni mallonge klarigis en nia maja nº. Kelkaj legantoj ĝin jam aprobis principe; sed antaŭ ĝin ellabori definitive, ni dezirus koni la opinion de aliaj vojaĝontoj, kaj iliajn personajn projektojn.

Oni do ne timu transdoni al ni proponojn ajn; ni ilin ekzamenos detale kaj provos aranĝi kontentigan planon.

Krom tio, ni dezirus koni la nomojn de tiuj el niaj belgaj amikoj kiuj intencas iri Genevon. Ni petas ke ili bonvolu sin konigi al ni, kaj diri samtempe ĉe kia dato ili intencas tien iri.

———

### Nova signo esperantista.

La Grupo de Frankfurt proponas al la samideanoj simplan kaj malgrandan insignon, kies enkonduko estus tre malmultekosta kaj ankaŭ sukcesplena.

La insigno estas pinglo kun verda emajla kapeto. Ĝi estas fiksota en la angulo de la dekstra vestkolumo, bone videbla kvankam ne trudema.

La ideo, proponi al la Esperantistaro novan kaj malgrandan insignon, konsistantan el simpla pinglo kun verda kapeto, estas tre interesa; kaj ĉiaj signojn, kiuj donas al la Esperantistoj la eblon ekkoni unu la alian en vojaĝo aŭ en publikaj lokoj, estas alprenindaj.

La samideanoj, pro diversaj kaŭzoj, ne ĉiam kaj ĉie surmetas la verdan stelon; kiel ofte estas esperantistaj najbaroj en vojaĝo, kafejo, restoracio, k. c., kiuj ne povas interkonatiĝi. Ili ne povas paroladi kune esperante kaj fari la plej bonan propagandon por nia bona afero. Ni ne kontraŭbatalas la verdan stelon; kontraŭe. Ni nur proponas duan signon plej simplan. La verda pinglo,modesta,estas tiel malmultekosta, ke ĉiu Esperantisto sen escepte povas ĝin aĉeti kaj lasi sur ĉiu vestaĵo.

La prezo estas: po 50 pingloj, 20 pfenigoj; po 100 pingloj, 35 pf. Ni petas direkti la mendojn al Esperantista Grupo, Frankfurt a/M., ĉe Sº C. Barthel, Woehlerstr. 14.

ESPERANTISTA GRUPO, FRANKFURT (M).

La Belga Sonorilo konsentas liveri tiujn pinglojn, jene: po 50 p., fr. 0,40; po 100 p., fr. 0,60, afranke en Belgujo, **kondiĉe** ke oni sendu la monon kune kun la mendo.

———

### Germana Ligo.

La 20$^{an}$ de Majo fondiĝis en Braunschweig la « **Germana Esperantista Societo** », enhavonta ĉiujn kies gepatra lingvo estas la germana, kaj disvastigonta Esperanton en la germanlingvaj landoj: Germanujo, Aŭstrujo kaj Svisujo. Tiun fondiĝon oni ŝuldas al la klopodoj de l' Grupo de Braunschweig. La jara kotizaĵo estas 3 markoj kun senpaga ricevo de l'oficiala organo.

La Oficejo de la nova societo estas: *68, Markstr. Altona*, kaj la estraro konsistas el:

*Prezidanto*: Dº E. Mybs, 68, Markstr. Altona.
*Vic-Prezidanto-Sekretario*: Dº J. Hanauer, 5, Bleichstr., Frankfurt a/M.;
*Kasisto*: Sº Fr. Schuch, 16, Thomaestr. Braunschweig.

### Pri Klasikaj Nomoj.

En *British Esperantist*, Sº D. H. Lambert starigas la demandon pri esperantigo de antikvaj nomoj cŭ personaj cŭ lokaj. Sº L. rimarkigas ke diversaj verkistoj uzas malsamajn metodojn, kaj ke tial, kompreneble, oni atingas nur haoson. Li renkontis la jenajn ortografiojn **Apolono, Apollon, Apolo** kaj **Apollo**, por la nomo de la greka dio. Eĉ por tiuj kiuj ŝatas havi multajn diojn, ni opinias ke tiom da nomoj estas iom troe.

SºL.eldonas regulojn — plibonigeblajn verŝajne — kaj diras ke belsoneco estas konsiderinda dum la elekto de l' formoj.

Pri latinaj nomoj —*us* kaj grekaj —*os*, li proponas anstataŭigi la finaĵojn *us*, *os* per *o*: *Brutus*=Bruto (?) *Argos* = Argo.

Pri latinaj nomoj de l' tria deklinacio, li proponas: *Juno* = Junon-o, *Cicero* = Ciceron-o.

Pri la grekaj nomoj —*eus*, *Theseus* = Teseŭso, *Zeus* = Zeŭso.

Pri la grekaj —*es*, —*as*, —*on*, aldonu *o*, ekz: Herkuleso.

K. c., k. c...

La proponoj ŝajnas bona fundamento por starigi diskutojn. Tamen, ni kredas ke unu el ili estas ne akceptinda, ĉar ĝi kontraŭstaras unu el la ĉefaj reguloj de nia lingvo: Sº L. proponas ke oni ne forigu la duoblan konsonanton, kie ajn oni ĝin trovas, ekz: *Cassius* fariĝus Kassio, ne Kasio.

———

### Espero Framasona.

En la Boulogna Kongreso,kunvenintaj framasonoj ĉiunaciaj fondis klubon « Espero Framasona », kiu celas:

1. Kunigi la diverslandajn framasonojn esperantistajn;
2. Varbi Esperantistojn al framasonaro, kaj framasonojn al Esperanto;
3. Forigi malkonsentojn kaj antaŭjuĝojn inter la diversnaciaj kaj diversritaj fratuloj.

La provizora estraro estas:

*Prezidanto*: F. POURCINES, en Nancy (Francujo);
*Vic-Prezidantoj*: L.POLLEN,en Londono (Anglujo); kaj C. BARTHEL, en Frankfurt a/M (Germanujo);
*Sekretario-kasisto*: F. MOSSMANN, en Vesoul (Francujo).

———

### Granda ĵurnalo internacia.

En *Ruslanda Esperantisto*, Sº Montrosier, ĉefredaktoro de « *Tra la Mondo* » tre lerte rebatas la proponon de Sº Devjatnin pri fondo de tia ĵurnalo. Sº Frenkel kalkulis ke tia entrepreno bezonus 100.000 abonantojn po 24 fr. jare. Ni demandas nin kiel oni kunigus tian abonantaron, se ni konsideras kiom da samideanoj malŝatas la nun ekzistantajn gazetojn, kaj eĉ ne kuraĝas elpezi la sumeton kiun ilia nacia organo petas de ili por iom pli facile labori. Laŭ la diro de Sº Montrosier, « *Lingvo Internacia* » havis nur 1200 abonantojn ĉe l' momento de l' Boulogna Kongreso.

Nekredebla!

J. COOX.

# LUMO.

**Kio estos lumo ?**
**Profundajoj de l' ĉieloj, profundajoj de l' maroj ;**
**Kaj vi, ho tero, respondu min, respondu min,**
**Kio, kio estas lumo ?**
**Vidu ! — Kiam la tago venas en l' Oriento —**
**Tiam vi, ĉieloj, aplaŭdas ;**
**Tiam la senfunda bluo de viaj sferoj ĝoje briladas ;**
**Tiam vi vestas la nubojn lulantajn per purpuro kaj oro.**
**Vidu — kiam tagiĝas en l' Oriento — la maron !**
**El la profundo de l' abismo amo-sono murmuradas ;**
**Kaj la nemezurebla ebenajo majeste ridetas.**

**Kaj la tero, aŭskultu !**
**Kiam per ĝiaj lipoj el roso kaj rozoj la mateno ĝin vekas [per kisoj,**
**Aŭskultu kia himno supreniras de la tero !**
**Mil milionoj da animoj kantas :**
**« Estu bonvena, ho lumo ! »**
**Arbaroj kaj montoj kaj valoj,**
**Riveroj kaj riveretoj kaj ĉiuj ekmaldormantaj birdoj,**
**Kaj ĉiuj ekflorantaj floroj**
**Kantas : « Estu bonvena, ho lumo ! »**

**Tero, maro kaj ĉielo, vi, kiuj aplaŭdas pro ĝojo**
**Kiam aperas la lumo,**
**Tero, maro kaj ĉielo, ĉu vi scias kio estas lumo ?**
**- Diru, ĉu ĝi ne estas la rebrilo**
**De la vivantaj briloj**
**Sur kiuj l' anĝeloj luladas kaj naĝas ?**
**Ĉu ĝi ne estas la spiro de Dio,**
**Kiu ĉirkaŭadas la tutan kreon ?**
**Ĉu ĝi ne estas Lia boneco ?**
**Ĉu Lia amo ?**

**Jes ! — Lia amo, kiu en la komenco**
**Tra la senfina mallumo,**
**Disfaldas siajn flugilojn super la universo.**
**Jes ! Lia amo, kiu ĉiumatene denove**
**Super la universo disfaldas siajn flugilojn**
**Lia amo kiu, kiel gardanta patrino,**
**Rigardas kaj flegadas siajn kreitojn.**
**Diru ! Ĉu ne estas la lumo la amo de Dio ?**

J. VAN BEERS. *trad.* M. J. WESSEL,
Rotterdam.

## Onderwijzerstijdschriften en Esperanto.

Naar aanleiding van een artikel van denzelfden naam, opgenomen in het nr 8 van de B. S., ontvingen wij een schrijven van den heer J. Savres, medewerker van « *l'Instituteur Belge*, » hetwelk wij uit loutere hoffelijkheid voor onzen briefwisselaar wel willen overdrukken, hoewel wij ons in den regel niet kunnen verbinden het recht van antwoord te verleenen op eene rechtzinnige en welwillende kritiek, zooals deze, waarvan hier sprake is.

Ziehier den brief van den heer I. Savres :

MIJNHEER DE OPSTELLER,

Laat mij toe de volgende regelen aan uwe zeer geachte lezers voor te stellen aangaande den Esperantokursus van *l'Instituteur belge*.

Het *Patro nia* dat de heer Amatus voor eene esperanto-fransche vertaling neemt, is betiteld « exercice de prononciation » (uitspraakoefening).

Wat de Esperanto-Fransche oefeningen (versions) aangaat, men bemerke, dat zij eigenlijk uit de niet vertaalde woorden bestaan, en dan zal men ze niet moeilijk en voornamelijk niet te lang vinden.

Men heeft vooral een aangenamen leergang willen maken, die ter zelfder tijd voor het geneugen zeer gemakkelijk is. Daarom werden als Esperanto-Fransche oefeningen (versions) vermakelijke stukken uitgekozen.

De *lange* Fransch-Esperanto oefeningen zijn onnuttig : men zal ze niet vertalen. Men heeft ze alleenlijk doen dienen als practische toepassingen op de voorgestelde regels.

Op 't einde van dezen kursus zal men aanraden aan de lezers van l'I. B., die zich gaarne in die oefeningen bevlijtigen, de verbeterde *versions* te vertalen en dan hun werk met het Esperanto van Paĝoj el la Flandra literaturo te vergelijken. (Naar de Beaufront).

Wat de regels aangaat, men heeft er een deel voor het tweede deel (syntaxe) van den kursus gelaten, waarvan de oefeningen zullen afgeleid worden.

Deze leergang is gedurende een jaar onderwezen geworden, en de 15 leerlingen, die hem gevolgd hebben, zijn nu allen goede en ieverige propagandisten.

Slechts 8 lezers van l'I. B. zijn mij bekend, en alle zijn door den kursus aan het Esperanto verworven geworden ; zij leeren den kursus met zorg.

« .....maar volgens mijn oordeel is uw kursus heel goed en het plan zeer aanlokkend... », schreef mij onlangs de zeer geachte heer X (1).

Aanvaard, enz.

I. SAVRES.

(1). Wij kunnen er ons niet toe besluiten hier den vermelden naam op te nemen. (Redactie)

De redactie van de B. S. deelt mij bovengaanden brief mede. Ter zijde gelaten de aanmerking aangaande het *Patro nia*, houd ik mij volkomen bij mijne zienswijze, die nog versterkt is geworden door mijne kennismaking met de verdere bijdragen van den heer Savres.

De kursus moge naar het oordeel van den schrijver aangenaam en vermakelijk wezen, volgens mij is hij te moeilijk en mist hij de noodzakelijke geleidelijkheid. Wat nu de opgaven Fransch-Esperanto betreft, die de heer Savres als min belangrijk aanziet, hierover ben ik ook van een tegenovergesteld gevoelen ; ik aanzie deze verreweg als de hoofdzakelijkste en ben overtuigd, dat het juist deze zijn, die het meest oefening en afwisseling vergen. Ik spreek uit eigen ondervinding en verwijs deswegen naar mijn artikel « Onderwijs in het Esperanto » (Bl. 43 van den loopenden jaargang der B. S.).

Evenwel wil ik mij niet tegenover mijn geachten tegenspreker als uitsluitend aanstellen, en zal dan ook niet verder aandringen : laten wij dus het geval als afgedaan beschouwen.

Ik wensch den grootsten bijval aan het loffelijk initiatief van den heer Savres, en begroet hem gulhartig als een ijverig en overtuigd medewerker voor de grootsche onderneming, waarvoor wij met hart en ziel onverdroten ijveren en onze beste krachten opofferen.

AMATUS

